# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 13/09/2014 Cent okdek dua eldono 13/09/2014 SENDITA (unua eldono 30/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

## Senpaga ESPERANTO POCKET TEXTBOOK

Individuoj povas mem kunmeti la ESPERANTO POCKET TEXTBOOK per komputiloj ĉe http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo Historio de la libreto estas ĉe AE 181








### Peto el USONO Dimanĉon 07 Sept. 02.28 atm

Saluton,

Mi volas printi multajn kopiojn de via bonega libreto. Bonvolu sendi al mi la PDF. Dankon.

Margo

**Mi sendis PDF-kopion de la libreto la 8an de Septembro. Roger Springer**

★★★★★

**Ĉu vi vidis la libreton en AE181?** Povus esti antaŭenpaŝo por Esperanto en Aŭstralio Komentu pri via sperto kunmeti kaj viaj impresoj de la libreto. Informu la nelegantojn de AE181. Ne ĉiuj havas la tempon por provi la kunmeton de la libreto. Prenu vian kunmetaĵon al via klubo.

★★★★★

## 36. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. Finfino de la Participoj.



Dum vi ĝuas krei en etnaj lingvoj bildojn kun du okazoj en malsamaj momentoj de la estinteco aŭ de la estonteco per komplikaj kombinaĵoj de verbformoj, alkutimiĝu esti en Esperanto pli simpla kaj tial pli klara kaj praktika. Tiaj komplikaĵoj esprimiĝas en etnaj lingvoj ofte per Verbaj Participoj, kaj en Esperanto per Adjektivaj Participoj. Plej ofte vi povas uzi en Esperanto du simplajn verbojn en la sama Tempo, sed kun la aldono de "antaŭe" aŭ de "poste". Ekz. anstataŭ Perdinte mian monon mi devis piediri diru "Mi perdis mian monon kaj poste (aŭ pro tio) devis piediri. Same anstataŭ Vespere mi manĝinte en la urbo vizitos la teatron diru "Vespere mi manĝos en la urbo antaŭ ol iri al la teatro. Kaj por I had been writing a letter before going out diru Mi skribis leteron kaj post tio eliris. Kaj anstataŭ I shall be eating late, the meeting going to finish at eight diru  Mi manĝos malfrue ĉar la kunveno finiĝos je la oka. Kaj eĉ: The dog will be eating his meal when he will have had his walk La hundo manĝos sian manĝon post ol promeni.

Via stilo plibeliĝos, kaj vi pli facile kaj klare komprenatos de alilingvanoj kiuj ne kutimas pri la anglaj amasiĝoj de nenecesaj verboj.

Marcel Leereveld.

# Esperanto-gramatiko sur 30 paĝoj

Esperanto estas relative facila lingvo, tamen por ne fari gramatikajn erarojn necesas scii iom pli ol nur la 16 bazajn regulojn. Ekzemple ĉu vi scias ĉu la sekva frazo estas gramatike ĝusta?
"Li farbis la domon verda".
Se jes, ĉu ĝi havas la saman signifon kiel "Li farbis la domon verdan".

La celo estas povi komuniki, tamen estas iom ĝene se vi diras ke Esperanto estas facila lingvo kaj vi eraras en preskaŭ ĉiu frazo.



Ni havas la libreton de Roger por doni al estontaj esperantistoj, sed tiuj kiuj vere decidas lerni Esperanton tamen bezonas ion pli. Peter Weide, dana leganto de AE informis nin:

"Mi estas  emerita instruisto kaj longjara Esperanto-instruisto kaj verkis koncizan anglalingvan Esperanto-gramatikon. La kajero sur proksimume 30 DIN A 5 paĝoj prezentas la esencajn erojn de la gramatiko de Esperanto. Kaj komencantoj kaj progresintoj povas profiti de ĝi. Ĝi kostas 3 eŭrojn + sendokostoj."

Por pliaj detaloj, vidu http://esperantocxemizo.saluton.dk/esperanto-gramatiko/Esperanto-gramatiko%20informoj/

Amike, Nicole

# Esperanto Pocket Textbook estas Propagandilo

La Esperanto Pocket Textbook estiĝis unue por esti malmultkosta propagandilo, kaj poste/due por helpi novulojn vidi/kompreni la genian konstruon de la lingvo.
Esperanto havas multajn pli grandajn kaj bonajn gramatikajn librojn.

**Ĉu vi mem kunmetis vian kopion de la libreto?** http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

Poste informu AE kaj aliulojn por helpi propagandi Esperanton.
Ĉu vi havas aliajn ideojn por disvastigi Esperanton? Roger Springer

# Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Bakterioj en la homa korpo Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu



Nuntempe la medicino ŝajne staras ĉe la antaŭĉambro de nova revolucio. Esploristoj intense kaj fervore studas la bakteriojn, kiuj normale vivas en nia homa korpo. Jam de longa tempo oni scias, ke ili estas gravaj elementoj por bona funkciado de certaj organoj – la intesto, ekzemple. Sed nun oni eltrovas, ke la amaso da mikroboj kunvivantaj kun la homo estas multe pli granda kaj multe pli influa je nia sano ol oni supozis. Kvincent nekonataj bakterioj estas jam eltrovitaj kaj surprize oni kalkulas, ke ekzistas dekoble pli da bakterioj ol da propre homaj ĉeloj en nia korpo. La tuta kvanto da bakterioj ligitaj al la homo atingas la pezon de 2 kilogramoj, do pli multe ol nia cerbo. Tiun amason sciencistoj alnomas “homa mikrobiomo”. Esploroj pri tiu nova mondo povas konduki al novaj diagnozoj kaj al prevento kaj kuracado de obezeco, kancero, diabeto kaj eĉ mensomalsanoj.

Oni intense esploras tiun novan biologian kampon, tiel ke dum la lastaj jaroj miloj da studaĵoj estis publikigitaj. Oni eltrovas, ke bakterioj povas protekti kaj damaĝi. Ekzemple, iuj tipoj de kanceroj povas rezulti de malekvilibro en la intesta “mikrobiomo”, kaj aliflanke iuj mikroboj protektas nin kontraŭ atakoj de aliaj mikroboj. Bakterioj krome povas produkti substancojn, kiuj influas nian apetiton kaj sekve kaŭzi trograsecon pro konduko al nesana manĝomaniero. Aliaj povas produkti substancojn, kiuj rekte influas la funkciadon de la cerbo, la humoron, kaj kaŭzi ekzemple demencon, aŭtismon, depresion kaj streson.

Per genetikaj studoj de tiuj mikroskopaj estuloj, sciencistoj esperas disvolvi novajn medikamentojn, nome la tiel nomatajn “probiotikojn”. Per ĉi tiuj, estos eble kuraci ne nur intestan misfunkciadon, kiel jam nuntempe, sed ankaŭ kontroli diabeton, eviti kanceron kaj flegi mensmalsanojn. Studoj ĉe bestoj jam klare indikas tiun eblecon: ŝanĝoj en la “mikrobiomo”de musoj, ekzemple, influis estiĝon de obezeco.

Ĉiuj tiuj malkovroj en la kampo de medicino estas kompreneble tre novaj kaj tute ne definitivaj kaj pretaj. Sed iujn gravajn dubojn ili jam prezentas. Esploristoj maltrankviliĝas interalie pri la tro abunda kaj ofte senkriteria uzado de antibiotikoj, precipe rilate al infanoj. Ĝis kia grado tiuj medikamentoj povas ŝanĝi la homan “mikrobiomon” ? Kiuj estas la konsekvencoj de tiuj ŝanĝoj? Ni atendu la proksimajn ĉapitrojn de tiu fascina revolucio.

# EsperantoTV

http://www.esperantotv.net/ Vidu paĝon 6

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**

## River Lights

**Sabato 11 Oktobro 14** Enhavos fremdlingvan sciigan lokon. Kiuj deziras volontuli por ĉeesti la feston? Demandas Andrew Spannenberg Sendu mesaĝon al A.E. kaj mi plusendos ĝin, Roger

## Esperanto-Klaso ĉe Esperanto-Domo Sidnejo

Dimanĉon la 28an de septembro je la 12a ptm. **Ĉiuj alvenantoj estos bonvenaj.**

## AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 18-an de septembro, je la 17:00 (16:30)

La bonega **"kompara grafikaĵo pri lernado de lingvoj"** estas kaj okulfrapa kaj la plej simpla kompar-klarigo kiun iam ajn mi vidis. Estus interese vidi kubon reprezenti la ĉinan :-) Dankon, Nicole.



Mesaĝo sendis Vera Payne




## Saluton el Brazilo!

Tre kara kaj estimata s-ano Roger Springer

Nome de la teamanoj de Esperanto-fako de Legio de Bona Volo (LBV), mi kore dankas Vin pro aperigo de nia informo pri partopreno de LBV en la 99-a UK-Bonaero per tiu numero de via alloga "Aŭstraliaj Esperantistoj"180. Jen, kiel danko, al via koro la suba eldiro de edukanto Paiva Netto:"Bona Volo estas nemalhavebla semo por kulturado de Amo, de Saĝo kaj de Vero. Ekde ĝi oni povas rikolti, el la plantejo de la vivo, spiriton de Paco".

Kun tre fratamikaj bondeziroj, Maria Aparecida www.bonavolo.com

# Esploro pri lingvoj Esperanto kaj la Angla kiel fremda lingvo

Ekde longa tempo mi rilatas kun la asocio pri logistiko kaj manaĝado FAPICS. Ili interesiĝas pri Esperanto kaj aldonos paĝon pri Esperanto en sian novan retejon. (FAPICS zorgas pri Supply Chain Management kiel oni diras en la nuntempa internacia lingvo. Estas seriozaj homoj kiuj funkciigas nian mondon).
SED, estas ĉiam problemoj dum tiaj projektoj.
Ni planis aldoni grafikon por ilustri la avantaĝon de Esperanto rilate al la angla.
Eĉ se la teksto estas en la Franca, vi facile komprenas ke oni klarigas al homoj ke ili povas iom plibonigi la anglan nivelon de sia laborantaro. Kvankam ili estas nulaj en Esperanto, ili rapide atingos saman nivelon kaj plu progresos pere de Esperanto. Sed la prezidanto de la asocio petas min doni ciferon. Pro tio tiu esploro.

Kiom da tempo por tiel superi sian nivelon en la angla ?

En via kazo, **kiom da tempo vi bezonis por ke via nivelo en Esperanto atingu vian nivelon en la angla** ? (Loko kie la du kurboj renkontiĝas)
Bonvolu lasi komenton en [tiu chi pagho] kie mi metis tiun informon. Mi trovos manieron elturniĝi por respondi al ili.




En deux semaines, on peut améliorer (légèrement) le niveau d'anglais de ses collaborateurs. Avec la même durée, la formation Ek* leur redonne le plaisir de réellement communiquer autour des problématiques de leur métier. **Même en partant de zéro en espéranto, ils vont rapidement atteindre et surpasser leur niveau d'anglais.**



Se vi konas aliajn esperantistojn kiuj havas interesan sperton pri tiu pritakso, mi ĝojos se vi plusendas la informon al ili. Multan dankon. Cyrille Hurstel [http://blog-bilinguisme.fr]



# Fiŝoj prizorgas Sin

Ĉiu montrita fiŝino demetas 750,000 ovojn jare por konservi la specion. Eble kvin milionoj de fiŝovoj en mia fiŝejo jare ? Ĝis 5 ovoj travivas kaj fariĝas novaj fiŝoj. Unu el unu miliono!

Se la informo pri Esperanto havus similan rezulton, ni bezonus multegajn Esperanto-ovojn. Roger Springer

# Sen provado nenio daŭros



Kiom da floroj bezonas arbo por daŭre havi sian estontecon?
Floro kreas semon. Semo kreas arbon. Arbo kreas floron. Multegaj miloj da floroj ne fariĝas nova Esperanto-arbo.
Do miloj da floroj estas bezonataj.
Multegaj provoj malsukcesas



Kiom da propagando bezonas Esperanto por havi estontecon?
Libreto naskas intereson. Intereso naskas lernanton. Lernanto naskas Esperantiston. Esperantisto povus fariĝi propagandisto.
Multaj libretoj ne naskos novan Esperantiston.
Do miloj da provoj estas bezonataj.
Nekalkuleble granda nombro de provoj malsukcesos.
Roger Springer



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
6a septembro 2014 Venis Roger Springer, Christine Holliss, John Casey, Steven Garamy
Bona Esperanto-kunveno.
Verŝajne, ni havis la nuran Esperanto-kunvenon ĉi-semajne. Roger

Leganto de AE



# Josip Pleadin el Kroatio dezirus subtenon

Tibor Sekelj estis fama jugoslava esperantisto (1912-1988), filmisto, verkisto, esploristo, honora membro de UEA, ktp. Lia plej sukcesa libro estas "Kumeŭaŭa – la filo de ĝangalo"


Tibor Sekelj

originale verkita en Esperanto, sed tradukita al 22 lingvoj. La japana traduko eldoniĝis en 300,000 ekzempleroj ĉar la japana ministerio pri edukado rekomendis la legadon de tiu libro. Tibor Sekelj multe vojaĝis, ankaŭ al Aŭstralio. Li verkis libron pri Aŭstralio kiu tamen ankoraŭ ne ekzistas en Esperanto. Josip Pleadin el Kroatio kiu jam eldonis ĉi-jare kaj pasintjare 2 librojn de Tibor Sekelj ŝatus eldoni ankaŭ Esperanto-version de "En la lando de kanguruoj". La vidvino de Tibor Sekelj konsentas. Tial li demandas, ĉu iuj aŭstralianoj dezirus subteni lin finance por tiu projekto. Amike, Nicole

# EsperantoTV




La 7-an de septembro 2014 tagmeze Esperanto-TV oficiale eniris sian duan fazon. La produktoro de Esperanto-TV Richard Delamore dum la unua rekta elsendo parolis iom pri la ŝanĝoj okazantaj al Esperanto-TV.

Dum la pasinta semajno multe ŝanĝiĝas al Esperanto-TV. ETV nun uzas novan servon kaj povas elsendi kiel tradicia televida servo aŭ per laŭpetaj filmoj. Iru al http://www.tikilive.com/show/esperantotv aŭ http://www.esperantotv.net/ por spekti nian novan kanalon!

Ankaŭ Esperanto-TV oficiale establis rilatojn kun Ĉina Radio Internacia, kaj ankaŭ aperas kiel fiksita spektebla fenestro en la plej granda fejsbuko-grupo dediĉata al Esperanto (Tiu grupo entenas pli ol 15,000 Esperanto-parolantojn) do multe da grandaj sukcesoj okazis lastatempe. Sendis Dmitry




Duolingo estas tre sukcesa retejo por senpage lerni lingvojn kun milionoj da uzantoj. Ĝis nun 8 lingvoj estas lerneblaj, sed ili baldaŭ aldonos pliajn inkluzive de Esperanto. Chuck Smith kiu vivas en Germanio estas elektita kiel unu el la respondeculoj por la Esperanto-versio kiu pretos eble en Decembro. Jen prelego pri Duolingo kun mencio de Esperanto en la 30 unuaj sekundoj.
https://www.youtube.com/watch?v=e7aTabdzr5Q

## Vortoj de "Lernu" ORIGINALO



Primitiva manuskripto, kontraste kun ties kopio(j), aŭ verko kontraste kun ties imitaĵoj, tradukoj kaj ceteraj:
La libro estas tradukita el la angla originalo.
Li tradukis la verkon el la originala lingvo.
Ŝi havas originalan stilon.
Tiu ĉi libro estas originale verkita de L.L.Zamenhof.
Ŝiaj originalaĵoj (originalaj, strangetaj agoj) nin jam ne mirigas. Mi ne certas pri originaleco de ĉi tiu pentraĵo.Infanoj de lernejo ne ŝatis la originalulon.

★★★★★